Katolika Vivo
informiga gazeto internacia

## Pacaj interrilatoj



En la internaciaj aferoj oni pli kaj pli komprenas, ke, por starigi neefemeran pacon inter la popoloj, ne sufiĉas fari diplomatajn traktatojn, sed tute necese estas diversmaniere konatigi unu popolon al la alia.

Tiucele organizataj estas konferencoj, en kiuj partoprenas elitoj. Jam famaj estas la konferencoj de la Germanaj kaj Francaj katolikoj, kiuj okazis unufoje en Berlin, aliafoje en Parizo, dum kiuj eminentaj oratoroj malkaŝe sciigas siajn pensojn kaj opiniojn pri unu aŭ alia demando, sed dum kiuj ĉiam la diskutoj estas frataj kaj pacemaj. La partoprenantoj estas tie, ne por disputi kaj batali, sed por studi kaj interkompreniĝi. Baldaŭ okazos simila, kvankam ne tiel grava, konferenco en Köln por germano-pola repacigo. En tiaj kunvenoj, kies fundamentaj principoj estas Kristanismo, multaj antaŭjuĝoj kaj maljustaj suspektoj malaperas.

Dezirinde estas plimultigi kaj plioftigi tiajn paccelajn rilatojn inter ĉiuj popoloj, precipe de Eŭropo. La ĉefa malhelpaĵo al reciproka interkompreniĝo de la popoloj estas nediskuteble la lingva baro. Sed ĉi tiu povas tuj fali, se oni bonvolus finfine uzi la internacian helplingvon Esperanto, kiu jam multfoje havigis pruvojn de sia taŭgeco. Kaj dank'al tiu facile de ĉiuj akirebla interkomprenilo, ne nur la elitoj havu kontaktojn, sed ankaŭ la plimulto de homoj. Tiel oni povu pli facile kaj pli rapide trafi la celon: disvastigo de paca spirito en la mondo, kaj konsekvence starigo de firma paco tutmonda.

Georges Ramboux, *presbitero.*

## Katolika Vivo malpermesata en Litovujo

La registara cenzur-oficejo en Kaunas ĵus malpermesis la eniron de nia gazeto *Katolika Vivo* en Litovujon, ĉar ĝi enhavas verajn informojn pri la kontraŭreligia persekutado en tiu lando, kaj estas plibone ke la enloĝantaro nenion sciu pri ĝi. *Persecutionem patiuntur propter justitiam.*

## Paganaj Eŭgenikoj aŭ la Instruado laŭ Kristo

La instruado de nia Sankta Patrino Eklezio estas neniam atakata en unu sola loko. Kiam ajn la ŝtatanoj de iu Ŝtato vidas atakon kontraŭ katolikaj principoj en sia lando, do ili povas esti certaj, ke la sama atako progresas ankaŭ en aliaj landoj. Persekutado povas okazi en unu loko tiuokaze, kiam ĝi estas sub la formo de masbuĉado kaj rabado, sed la insida atako de la pagana instruado estas ĉie kaj ĉiam progresanta. Katolikoj en la plej pacaj landoj devas batali pro sia religio tiel energie, kiel la katolikoj en la ne-pacaj landoj.

Kontraŭkatolikaj doktrinoj kutime prezentiĝas sub la formo de « Homaranismo ». Oni proponas projekton, kiu estas alloga pro ĝiaj ŝajnaj profitoj al homaro, sed kiam oni pli zorge ekzamenas ĝin, oni eltrovas ke ĝi estas kontraŭ la principoj, donitaj al ni de Nia-Sinjoro.



Infanoj edukataj laŭ metodo Montessori en Besford Court

La Eklezio, tra la tuta tempo de ĝia ekzisto, ĉiam kontraŭstaras tiun specon de subfosado de Kristaneco. Pro tio oni ofte nomas la Eklezion « malprogresema » kaj « obstinega », kaj eĉ akuzas, ke la Eklezio malakcelas la helpplenan progreson de scienco.

Sed, per la fruktoj vi konas ilin. Nur daŭre restas tra la pasintaj centjaroj, tiajn laborojn faritaj de homo, kiaj estas plaĉantaj al Dio. Neniaj krom tiaj povas travivi la provon de tempo.

Ĉitempe en nia mondo, oni faras atakon kontraŭ la liberecoj kaj rajtoj de tiuj, kiuj havas malpli da inteligenteco ol la plimulto. Oni proklamas ilin danĝero al Socio; oni nomas ilian ekzistadon « minaco » al civilizeco; oni faras ilin la ĉelajon de projektoj, kiuj estas ne nur kontraŭ la instruado de la Eklezio, sed ankaŭ kontraŭ la eltrovaĵoj de Scienco, en kies nomo la projektoj trompe sinvestas.

Tamen, al tia malnobela nivelo falis la ĝenerala sintenado de la homaro, ke ĉi tiuj projektoj estas favore akceptataj en multaj partoj de la mondo. Estas dirate pri la difektmensulo: « Faru ilin nefruktdona! Malpermesu ke ili edziĝu! Senrajtigu ilin, por ke ili ne vivu laŭ la ordinaraj vivkutimoj, kaj se oni opinias ilin tiom malriĉaj en mensa ekipto — sendu ilin al la mortiga ĉambro por ke tie ili estu detruitaj. »

Estas sed malgranda paŝo de la deviga operacio-teatro al la mortiga ĉambro!!!

Jen socia problemo de universala grandeco, kaj simile al ĉiu serioza sociala problemo, ĝi prezentas seriozan moran demandon. Pri tiu punkto, la instruado de la Eklezio estas tre difinita kaj firma. Ni ne havas la rajton kripligi nian proksimulon, nure ĉar li estas malpli intelegenta ol ni mem.

Ekzistas bona kaj malbona maniero pritrakti la problemon, kiun la difektmensulo prezentas. La malbona maniero estas flugi kontraŭ la leĝo de Dio, kaj alpreni solvon, kiu postulas tutan paganan sintenadon al niaj proksimuloj.

Kredinde ne eraros tiu, kiun la Eklezio protektas, kiam tiu devas konsideri la problemon.

La danĝero venas de tiuj, kiuj ne havas la rimedojn por konstati la implikadoj de la homaranismaj metodoj. Tial ekzistas serioza bezono por unuigata katolika studado kaj propagando, se la difekmensuloj estas ricevotaj traktadon laŭ iliaj rajtoj.

Jam en diversaj mondpartoj oni malsukcese provis nemorajn solvojn. Per iliaj fruktoj la paganaj eŭgenikistoj koniĝas, kaj iliaj malsukcesoj pruvas la malbonecon de iliaj doktrinoj.

Malsukceso en unu aŭ alia loko ne malhelpas eksperimentojn en alia landpartoj.

Agitado jam komencis en Anglujo, en aliaj eŭropaj landoj kaj en landoj pli malproksimaj. Do por niaj pli malfortaj fratoj necesas, ke katolikoj komencu fortan kontraŭpuŝon.

Pere de *Katolika Vivo* mi petegas katolikojn en multaj lokoj malproksimaj de Besford (kie ni edukadas, sub la protekto de Sankta-Tereso de Lisieux, kaj kun la Beno de la Sankta-Patro, tri cent difektmensulojn



Knabaj ĉarpentistoj laborantaj en Besford Court

el ĉiu parto de Granda Britujo), speciale elstudadi ĉi tiun gravan problemon, kaj bataladi por la sola efika rimedo: pritrakti ĝin laŭ la instruado de Kristo, al ni klarigata de la Eklezio.

Thos. A. Newsome, *papa prelato.*

Besford Court, granda kaj bela konstruado estas lokita profunde en agrabla kamparo. Meze de pejzaĵo de granda natura ĉarmo, progresas la laboro por la savado de vivoj kaj animoj de etuloj. La porinfana laboro estas nobela, eĉ reĝa — reĝa en la reĝeco de Kristo ĝia Reĝo.

Ĉi tie oni instruas kaj edukadas tiajn infanojn, kiuj pro malvarma malzorgo sendube fariĝus la enloĝantoj de malliberejoj, de freneza-domoj, de ŝtataj institutoj por idiotoj.

La infanoj havas animojn tiel molaj, kiel vakso, pretaj por ricevi impresojn, bonajn-malbonajn; ili estas en la modela instituto ĉe Besford, por ke ili lernu fariĝi utilaj civitanoj kaj bonaj katolikoj.

Dum la pli frua, duono de la vivperiodo ĉe Besford, Monaĥinoj instruas la infanojn, uzante la mirindan metodon « Montessori ». Per tiuj rimedoj la infanoj lernas multe, kio estas nelernebla en iu ajn ordinara lernejo.

Kiam tiu prepara kurso finiĝas, tiam la lernanto komencas lerni metion, iam al la laborejo dum duontago, kaj ĉeestante la lernejon dum la alia duontago. Je la aĝo de 16 jaroj li partoprenas plentagan metiistan kurson. Post kelkatempe li lernas prizorgi sin mem, loĝante en dometo aparte de la granda konstruaĵo sed kune kun aliaj knaboj, pliaĝaj ol li. Tiamaniere li venis al Besford Court kiel malforta infano, kaj forlasis ĝin kiel forta junulo, forta korpe, forta anime, preta kaj kapabla gajni ĉie kaj ĉiam la vivrimedojn.

Msro T. A. Newsome, kiu verkis la ĉi-supran artikolon speciale por *Katolika Vivo* estas la administranto ĉe Besfort Court.

## ĈIEAJ INFORMOJ

■ Oni sendis informon el Edmonton (Alberta), laŭ kiu Msro Emile Grouard, unu el la katolikaj pioniroj en Kanado, ĵus mortis. Li naskiĝis en 1840 en Francujo; sekve li estis 91-jara. La Franca registaro honorigis lin per la Ordeno de la Honorlegio kaj urbo en norda Kanado havas lian nomon. (*Argus.*)

■ Norda Ameriko, laŭ lastaj statistikoj, sendis 260 misiistojn tra la mondo. El tiu nombro Kanado sola, el la loĝantaro de 3.500.000 katolikoj, havigis 118 misiistojn, el kiuj 63 presbiteroj aŭ fratuloj kaj 55 religiulinoj, membroj de diversaj Misi-kongregacioj. (*Fides.*)

■ La Katolika Asocio de la poŝtistoj kaj telegrafistoj el Kolombo (Hindujo) ĵus fondis Spiritan Ligon de la Katolikaj Oficistoj de Kolombo, kies celo estas iniciati kristanan vivsintenon kaj spiritan vivon meze de la oficistoj, kiuj dejoras en la diversaj oficejoj de la granda Cejlana urbo. La centro de la nova ligo estas en la preĝejo Sankta-Filipo-Neri kaj estrata de Oblatoj de Senmakula Mario. (*Fides.*)

■ La lernejoj de la apostola vikariejo de Basutolando (Suda Afriko) plinombriĝas rimarkinde. En 1928, oni kalkulis nur 125 lernejojn; nuntempe estas pli ol 200, kaj la nombro de la lernantoj plialtiĝis de 5.000 ĝis 15.000. Dirinde estas ankaŭ, ke el 125 lernejoj de la registaro aprobitaj lastan jaron, 90 estis katolikaj. (*Fides.*)

■ La apostola vikariejo de Tanger (Maroko), komisiita al Hispanaj Franciskanoj, spertas nun vere prosperan epokon. La paroĥoj metode prosperas. Kaj oni kalkulas ne malpli ol 60 religiajn centrejojn regule starigitajn kun preĝejo kaj residejo. Sed ĉefe en la lerneja fako estas rimarkindaj la progresoj. 35 lernejoj por infanoj akceptas 2.094 geknabojn; 10 altgradaj lernejoj kalkulas 350 lernantojn kaj fine 4 profesiaj lernejoj 225 studentojn. Tiuj ĉi estas akceptataj kia ajn estu ilia religio aŭ raso. En la sola urbo Tanger, el 883 lernantoj frekventantaj la katolikajn lernejojn, estas 348 mahometanoj kaj 24 judoj. Tiu diverseco estas la plej bona homaĝo donata de la enloĝantaro mem al la instruado de la Hispanaj misiistoj. (*Fides.*)

## La fiktiva neŭtraleco de la "Rotary"-movado

La intensa organizaĵa aktiveco de la Rotary-movado, kiu en granda eŭropa konferenco (partoprenis 800 delegitoj el 22 diversaj landoj) je la 14 septembro 1930 en Hago trovis emfazajn vortojn, denove direktas la atenton de la katolikaro al la internacia Rotary-Klubo, kiu proklamas la idealon de la servo pri la proksimulo kiel direktantan penson de sia efikeco. Ĉi tiun Rotary-idealon ja ĝustadire reprezentis jam aŭtaŭ 2.000 jaroj Jesu-Kristo dirinte: « Amu vian proksimulon kiel vin mem ! » Krome la amosento de Kristo ne estis tiel enakvigita en Amerikanismon kiel tia de la Rotary-anoj. Antaŭ ĉio Kristo ja al sia amo-ordono antaŭpostulis la tezon: « Amu Dion super ĉio »; kontraŭe Rotary « pro religia respektego » abstraktigas de nomo de Dio. La guberniestro de la 59-a distrikto de Rotary-internacio, Ernesto Krelage en Haarlem, antaŭ nelonge aludis, ke ĉe ĉiu semajna manĝo de la Rotary-movado al la membroj estu donate okazo por mallaŭta preĝo. Oni faras tion pro respektego pri la religio kaj konfesio de la unuopaj membroj. Pro la sama kaŭzo ankaŭ ne estas parolate pri religiaj demandoj.

Jen oni ja devas tre miri, se la 16 julio la Rotary-klubo de Arnheim (Nederlando) pri la divena vergo okazigis paroladon, « kiu kondukis eĉ sur la kampon de la supernaturaĵo »; se je la 17 julio la klubo de Hilversum ekscitiĝis pro parolado, kiu kritikis la antaŭrangon de la civila edziĝo super la eklezia; se la sama klubo pledas por la plifaciligo de la eksedziĝo. Antaŭ kelka tempo el La Plata (Sud-Ameriko) oni raportis, ke la tiea Rotary-Klubo forte kontraŭdiris kontraŭ la solvo de la Roma Demando, kiamaniere ĝi efektiviĝis. Pri tio la *Osservatore Romano* skribis: « La afero tute ne tuŝis la Rotary-klubon, aŭ ĝi fine konfesu, ke ĝia tuta afektado estas nura ŝirmilo, malantaŭ kiu okazas io tute alia ol oni volas kredigi la naivulojn. » Estas bedaŭrinde, ke la Rotary-klubo en Ĝenevo antaŭ nelonge rifuzis formuli rezolucion kontraŭ la Rusa eklezia persekutado; kun 39 kontraŭ 36 voĉoj ĉi tiu protesto estis rifuzata, ĉar Rotary staras super la konfesioj. Tiamaniere Rotary aŭ intence pri siaj mondperceptaj celoj trompas la publikon, aŭ la sinjoroj naive opinias, ke oni povu tralabori la tutan amplekson de la moralaj demandoj, sen tuŝi religiajn demandojn. Se lasta opinio superregas, tiam estas tempo, ke ni, katolikoj, la disvastiĝantan Rotary-internacion klarigu pri la neebleco de tia farado kaj zorgu pri tio, ke neniu katoliko ankoraŭ plu aliĝu al la Rotary-movado. La Nederlanda Episkoparo antaŭ kelkaj monatoj per komuna paŝtista letero malaprobis Rotary'on.

Jos. Lintl.

## La katolika gazetaro kaj la nia

La katolika ĉefjurnalo *Rieder Volksblatt*, en Aŭstrujo, anoncis, en sia numero de la 29 januaro, la aperon de nia gazeto de katolika agado, per ĝentilaj diroj pri nia movado, kaj reprodukante parton de nia programartikolo. Tiu ĉi jurnalo, parolante pri la resono de la Papa enciikliko *Casti connubii*, havigis al siaj legantoj pere de *Katolika Vivo* sciigojn pri la artikolo de la angla jurnalo *The People* kaj la parolado de Deputato Coutel en la Franca Parlamento. La *Linzer Volksblatt* same faris en sia numero de la 15 februaro. Aldiru, ke la *Rieder Volksblatt* enhavas, de post la 5 marto, ĉiujaŭde, rubrikon, kies novajoj estas eltiritaj de *Katolika Vivo*. Espereble aliaj gazetoj sekvos tiun ekzemplon de utilo de niaj katolikaj informoj. Ni tiele trafos unun el niaj celoj, kiu estas diskonigi fidindajn informojn pri la katolika agado en la tuta mondo.

La grava katolika jurnalo *Reichspost*, el Wien, anoncis, en sia numero de la 4 marto, la aperon de nia gazeto, kiel organo de Katolika Agado, menciante niajn informojn el la tuta mondo. La semajna *Burgenländische Heimat*, el Eisenstadt (Aŭstrujo), ankaŭ anoncis al siaj legantoj la aperon de K. V., en sia numero de la 13 marto.

La katolikaj Irlandaj gazetoj eksimpatias nian organon. *The Irish Catholic* enhavis, en lastan numeron, tradukon, faritan de Frato Lawrence, de artikolo el *Katolika Vivo* pri la Internacia Katolika Inform-servo. La revuo *Columban* denove dediĉis spacon en marta numero, reproduktante ankaŭ la saman artikolon.

## La VII^a jarcenta datreveno de la morto de sankta Antonio el Padova (1931-1932)

Padova, laŭ iniciato de siaj Episkopa kaj Urbestra Moŝtoj kaj de la Konventualaj Minoritoj, per la ago de Centra Komitato, dissendis al la tuta mondo la inviton por la Festoj de la VII-a jarcenta datreveno de la morto de sankta Antonio el Padova.

Al la invito la tuta kristana mondo plenfide kaj entuziasme respondis. La datrevenaj



Sankta Antonio el Padova
(Pentraĵo de Murillo)

Festoj, aprobitaj de Lia Papa Moŝto, al kiu ĉiuj fideluloj turnas siajn rigardojn, kaj al kies organizo ĉiuj aŭtoritatoj, per sincera fruktodona konkordo de celoj kaj sentoj, donas la plej grandan apogon, komencos venontan aprilon por daŭri tra Ekleziaj Ceremonioj, Festoj, Ekspozicioj, Pilgrimoj, ĝis oktobro 1932. La venontan 13 de junio, la Kardinalo Legato de Lia Papa Moŝto celebros Pontifikan Meson sur la tombo de la Sanktulo.

De la tuta mondo, per la specialaj oficejoj [illegible] la alvenon de pilgrimoj, dum Padova, per la konstruo de taŭgaj hoteloj, per la perfektigo de ĉiuj publikaj servoj, en atmosfero de altega fervoro, sin preparas ricevi kaj inde gastigi la fidelulojn, kiuj alkuros al ĝia Sanktejo.

Estas same intensiva la organiza agado por la grava Internacia Ekspozicio de nuntempa Kristana Arto, kiu restos malfermata de junio 1931 ĝis julio 1932; al tiu jam aliĝis krom la plej bonmeritaj italaj artistoj ankaŭ la fremdaj, ĝis nun el sep nacioj. Dotita de 100.000 it. liroj por premioj, kaj lokata ĉe la konstruaĵoj de la Internacia Specimeno-Foiro, en impona arkitekta konstruaĵo, laŭ bazilika formo, ĝi promesas jam de nun fariĝi arta okazintaĵo de la plej granda graveco kaj de la plej vasta eĥo.

Al la alvoko de la fideluloj, jam disdonita post la starigo de la Komitato, post nemulte sekvos broŝuro kiel gvidlibro kaj propagandilo, kiu enhavos la tutan programon de la festoj kaj anoncos la faciligojn favore al la pilgrimantoj.

Oni publikigos oficialan afiŝon, kiu en tuta Eŭropo kaj trans Oceanoj portos la sugestian vizion de la antikva Tombo de la Sanktulo.

*Ne estas grandega laboro por vi varbado de unu nova abonanto. Sed akiro de mil novaj abonantoj estas tute nepra por la vivo de nia gazeto. Plenumu do vian etan taskon, kies rezulto estas tiel grava !*



# LETERO EL GERMANUJO

### Ministro D-ro Wirth pri « sendiula » propagando

La katolika ministro de la internaj aferoj D-ro Wirth faris en la germana parlamento (Reichstag) gravan paroladon kontraŭ la « sendiula » propagando de la komunistoj, kiuj en lasta tempo komencis uzi la konatajn rusajn kontraŭreligiajn propagandmetodojn, post kiam speciala komisiono estis studinta ilin en la soveta respubliko mem. D-ro Wirth anoncis, ke la germanaj registaroj per la iloj de la polico energie malhelpos tiujn barbarajn liberpensulajn metodojn, kiuj en skandala maniero kalumnias kaj insultas la religion kaj volas returni nian tutan kulturon je 3.000 jaroj. D-ro Wirth diris i. a.: « Mi petos la landregistarojn, ke ili per ĉiuj iloj faru finon al la abomena insultado en la « sendiaj » vesperoj. Ili estas barbara atako al la spirita vivo de nia popolo. » Jam antaŭe (la Reichstag-parolado de D-ro Wirth okazis la 5 marto) la ministro en parlamenta komisiono estis protestinta kontraŭ la samaj ekcesoj.

### « Sendiaj vesperoj » de komunistaj ateistoj.

En Berlin la komunistaj « liberpensuloj » (kiuj laŭ ministro D-ro Wirth apartenas al tiuj liberpensuloj, kiuj estas « liberaj de pensado ») nun grandskale aranĝas « sendiajn vesperojn », kiuj estas vere skandalaj. Ĉeestinto raportas: « Knabeto surgrimpas la scenejon kaj kriaĉas: Ruĝa Fronto!, tiel malfermante la « proletaran kulturvesperon ». Poste Peter Maslowski aperas kaj faras la ĉefparoladon t. e. li raportas pri sia proceso, kiun li antaŭ nelonge havis antaŭ la juĝejo pro diinsultado kaj en kiu li estis kondamnita je monpuno. Li elkrias en la ĉambregon frazaĉojn kiel: « La pastraĉoj publike preparas la batalon kontraŭ la Soveta Unuiĝo », « La Eklezio estas la malkleriga instrumento de la kapitalismo », « Eksiĝi el la Eklezio signifas batalon kontraŭ faŝismo kaj kapitalismo kaj defendon de la Soveta Respubikaro », — En angulo de la salono ekstaras notario, kiu por notizo de 2.- RM. tuj akceptas anoncojn de eksiĝo el la Eklezio. — Sed poste venas io tiom abomena, terura, skandala, ke oni ne povas priskribi ĝin: « la "sendiula revuo", kiun prezentas 10 aŭ 12 gejunuloj 16-20 jaraj. La sanktaj kaj plej sanktaj aferoj estas mokataj, insultataj... vere diablaĵo... »

### En la parlamento (Reichstag)

La komunistoj postulis plifaciligon de la eksiĝo el la Eklezio, ĉesigon de la bavara kaj prusa konkordatoj kun la Vatikano, malpermeson de religia instruo en la lernejoj, forigon de la film-leĝo kaj de la leĝo por protekto de la junularo kontraŭ la obscena literaturo.

### Denove episkopoj kontraŭ la naci-socialismo

La episkopoj de la eklezia provinco de Köln, t. e. de la ĉefeparĥio Köln kaj de la eparĥioj Aachen, Limburg, Münster, Osnabrück kaj Trier, publikigis la 5 marto komunan cirkuleron kontraŭ la naci-socialismo. Ĝi diras je la fino: « Al la atmosfero de la malamo, kiu minacas detrui popolon kaj naciojn, ni devas kontraŭstarigi la atmosferon de la Amo. Ni ne parolas pri molaĉa cedemo, kiu senkaraktere silentas pri malvero kaj korupto, maljusteco kaj perforto, sed pri tiu amo, kiu volas plibonigi kaj helpi, sed ne vundi kaj detrui, tiu amo, kiu laŭ la vortoj de la Apostolo de la nacioj "ne serĉas sian profiton, ne lasas sin indignigi", sed "ĉion kredas, ĉion esperas", — sed ankaŭ "ĉion superas" (1 Kor. 13, 5-7), ĉar tiu amo venas de Dio, kiu sola povas ree kunigi la homojn kaj la naciojn en konkorda komprenemo, kiu ankaŭ povas denove konduki nian amatan popolon kaj landon al vera resaniĝo kaj supreniro. »

### Katolika junularo en la batalo

Kun subteno de preskaŭ ĉiuj katolikaj junularaj ligoj la Windthorst-Ligoj (Katolika politika junularo) kaj la Landa Komitato de la Katolika Junularo ĉe la Centro-Partio aranĝis en tuta Germanujo « batalsemajnon » kun la devizo: Kontraŭ hokkruco (simbolo de la Hitler-anaj nacisocialistoj) kaj soveta stelo! Okazis pli ol 3.000 kunvenoj kaj demonstradoj, la sukceso estis grandega. — En kelkaj lokoj la kunvenoj estas sovaĝe atakitaj de kontraŭuloj. Ekzemple en Düsseldorf okazis atako de nacisocialistoj al paca kunveno de la katolika junularo, ĉe Köln grupo de katolikaj skoltoj el la Komercista Asocio (KKV) estas atakita de komunistoj.

### La Katolika Junvira Asocio de Germanujo

(Katholischer Jungmännerverband), al kiu apartenas pli ol 350.000 katolikaj junuloj kaj junaj viroj, okazigos sian nunjaran kongreson la 29 de junio en Trier.

### Adiaŭo de Aachen

Lia Kardinala Moŝto D-ro Karl Joseph Schulte, ĉefepiskopo de Köln, publikigis la 8 marto 1931 leteron, en kiu li adiaŭs samtempe de la nova eparĥio Aachen, kies apostola administranto li estis ĝis nun, kaj de sia ĝisnuna ĝenerala vikario kaj nova episkopo de Aachen, Msro D-ro J. Vogt, kiu intencas ankoraŭ antaŭ Pasko ricevi la episkopigan konsekron. La kardinalo laŭdas, kiom da prosperantaj ordenoj kaj religiaj kongregacioj de Aachen disvastiĝis tra la lando, kiom da piaj kaj bonfaraj institucioj tie havas sian centron. La Institucio de la Propagando de la Fido ekz. tie havas sian sekretariejon kun la Francisko-Ksaverio-Misia Unuiĝo, la Unuiĝo de la Sankta-Infaneco, la Unuiĝo de la Gardanĝelo (por helpo al diasporaj katolikoj, speciale infanoj).

### La Vatikano kaj la Internacia Katolika Radio-Oficejo en Köln

Tuj post la radio-parolado de la Sankta-Patro al la tuta mondo, la direktoro de la Internacia Katolika Radio-Oficejo en Köln, Pastro Bernhard Marschall, sendis salutleteron al Romo:

Köln, la 12 februaro 1931.

Al Lia Papa Moŝto Pio XI-a,
Vatikana Urbo.

Sankta Patro,

Kun infana amo kaj respekto la terglobo ĵus aŭskultis viajn patrajn vortojn per radio. Ni travivis grandan horon. En tio ni pensis pri nia unua internacia katolika radio-kongreso en München 1929, kiam unuafoje via nuncio paroladis antaŭ la mikrofono. La kongreso entuziasme aplaŭdis la lastan frazon de la memorvortoj parolitaj de la subskribinto: Ho ke ni ankoraŭ ĝisvivu, ke la Sankta-Patro en Romo parolu en la eteron kaj per tio vere al la orelo de la mondo la belan papan vorton: *Pax Christi in Regno Christi!* La Paco de Kristo en la Regno de Kristo! Tiam la tutmonda radio estos ricevinta sian tutmondan benon. »

Je tiu nobla ago de Via Papa Moŝto ni sendas en infana sindonemo kaj fideleco niajn tutkorajn gratulojn kaj danksalutojn.

*Internacia Katolika Radio-Oficejo en Köln,*
mp. Bernhard Marschall.

El la Vatikano alvenis jena respondletero:

Vatikano, 26 februaro 1931.

Via Pastra Moŝto!

Kun speciala bonvolo la Sankta Patro akceptis la esprimon de la ĝojo kaj infana sindonemo, kiun vi sendis al li en la nomo kaj mandato de la Internacia Katolika Radio-Oficejo okaze de via unua radio-parolado. Rigarde al la grandega senfiniĝanta kultura influo de la radio, la beno de la Sankta Patro de la 12 februaro estis tute speciale ankaŭ destinita por la *katolikaj radio-klopodoj : ke ili laŭeble forigu aferojn malutilajn por popola moralo kaj popola bonfarto kaj ke ili kunlaboru por malfermi la tutan riĉaĵon de la vero kaj la neelĉerpeblan belaĵotrezoron de la katolika kredo por la tuta homaro.*

Samtempe mi elparolas al vi en la nomo de la Sankta Patro lian dankon pro la teknike kaj arte altvaloraj gramofondiskoj noblintence transdonitaj al li kaj petas vin, bonvoli ankaŭ akcepti mian ĝentilan dankon pro la donaco farita al mi.

Akompanante la laborojn de la Internacia Katolika Radio-Oficejo per la plej sincera bondeziroj, mi estas kun speciala estimo de via pastra moŝto plej sindona.

mp. E. Kard. Pacelli.

Al tiuj honoraj gratuloj ni aldonas niajn kaj deziras al la Internacia Katolika Radio-Oficejo kaj ĝia Internacia Komitato, kiu cetere en aprilo nunjara havos kunsidon en Zürich (Svisujo), plenan sukceson kaj efikan agadon en la intereso de la katolika afero en tiu grava internacia kampo.

La gramofondiskoj nomitaj en la letero de la Vatikano surhavis la « noktan viziton en la Kölna katedralo », kiun la okcident-germana disaŭdiga societo (Westdeutscher Rundfunk) faris la 28 aprilo 1928 kaj kiu trovis eksterordinaran atenton en Germanujo kaj eksterlande.

D-ro Wilhelm Solzbacher.

## Letero el Nederlando

**La fastaj leteroj de niaj episkopoj**

La laŭtradiciaj fastaj leteroj de la Nederlandaj episkopoj respegulis ĉi tiun jaron diversajn gravajn facetojn de la katolika vivo kaj pro tio meritas nian atenton. La letero de Msro Jansen, ĉefepiskopo de Utreĥto, speciale pritraktis la edukadon kaj la karakterformadon de la junularo en la familio kaj akcentigis la tiurilatajn devojn de la gepatroj, dum Msro Diepen, episkopo de 's-Hertogenbosch, precipe avertis kontraŭ la danĝeroj, kiuj minacas la junularon per kinematografio, radio, literaturo kaj dancado, kaj instigas al pli intensa religia instruado. Msro Hopmans, episkopo de Breda, pritraktis en sia letero la forton de la preĝo, speciale en la nunaj krizaj tempoj. Msro Aengenent, episkopo de Harlemo, petis la preĝon kaj la financan subtenon por pastrecinklinoj, dum Msro Schrijnen, episkopo de Roermond, vokis sian subularon al pli streĉa kontraŭbatalo de erarigaj kaj mensongaj doktrinoj, kiuj disvastiĝis per komunismo kaj socialismo kaj montris la vojon al vera feliĉo. Sciiginda en ĉi tiu rilato ankoraŭ estas la fakto, ke eĉ la socialista gazeto *Het Volk* (la Popolo) en siaj rubrikoj turnis sian atenton al la klarstila detaligo de Msro Jansen pri la edukado de la junularo en la familio kaj laŭdis ĝin pro ĝiaj instruoj rilate la tasko de la familio en la edukado de la infanaro.

« La formado de fortaj karakteroj, ĝi skribis, evidentiĝis al la ĉefepiskopo per ordona postulo. En ĉi tiu rilato ni tute samopinias kun li, kiam li malaprobas la gepatrojn, kiuj ne havas tempon por la infanoj aŭ kiuj pro tro granda indulgemo malatentis instrui al la infano memdisciplinon kaj memestradon. »

**Petskribo por la sanktoproklamo de Beatulo Albertus Magnus**

La Nederlanda gazetaro lasttempe publikigis la laŭvortan tekston de la petskribo de la Nederlanda episkoparo al Lia Papa Moŝto por akiri la sanktoprokramon de la Beatulo Albertus Magnus kaj lian envicigon inter la Eklezidoktoroj. Beata Albertus Magnus, jam baldaŭ post lia morto laŭdata kiel Doctor *Universalis,* estis la instruisto de sankta Tomaso de Akvino kaj rilatis kun nia lando kiel provincestro de la Germana provinco de la Dominikana Ordeno. Sub la regado de la « Roma Reĝo » Vilhelmo, Grafo de Holando, li fondis monaĥejon de tiu ĉi Ordeno en Utreĥto, per kiu faro tiu ĉi urbo ankoraŭ pli fariĝis grava scienca centro.

Post sia eksiĝo kiel episkopo de Regensburgo (Germanujo) li fariĝis episkopo koadjutoro de Siegfried van Westerborch al kies jurisdikcio apartenis ankaŭ la Utreĥta eklezio kaj en kiu funkcio, li inaŭguris la dominikanan preĝejon en Utreĥto kaj la preĝejon Sankta-Stefano, martiro, en Nimego.

Ni informiĝis, ke ankaŭ la Nederlanda provinco de la Dominikana Ordeno kaj la Katolika Universitato en Nimego jam forsendis Romon samcelan petskribon.

El Romo oni jam sciigis, ke la petskribo tie estis favore akceptata kaj ke oni baldaŭ povas atendi aranĝojn, kiuj respondos peton, kiu ankaŭ estas subtenata de ekleziaj aŭtoritatoj en aliaj landoj.

**La malkristaniĝo de Nord-Nederlando**

Sen ke ni intencas antaŭiri la rezultatojn de la ĉi jara popolnombrigo ni jam povas informi pri la terura malkristaniĝo de la pli nordaj Nederlandaj provincoj. Ekzemple: en ĝis nun t. n. protestanta komunumo en la provinco Groningen enkalkulante 2.100 enloĝantojn 1.600 personoj anoncis sin kiel ne apartenantaj al iu religio! En tiu sama vilaĝo staras antikva preĝejo, kiu antaŭ la Reformacio estis katolika! En la sama regiono dum centjaroj ne plu loĝas unu katoliko, kaj oni konsideris ĝin ĝis nun tute protestanta! Eble vi ankoraŭ memoras, ke mi skribis en antaŭa letero, ke Protestantismo estas ekvivalento de putriĝo. Nu, la faktoj montras, ke ĝia finrezultato estas la senreligiiĝo! Komunismo kaj socialismo nun kolektas la fruktojn. Prave oni devas preĝi al sankta Wilibrordo kaj sankta Bonifacio, kiuj ankaŭ predikis en ĉi tiu regiono: « Savu Nord-Nederlando ».

J. H. Westen.

❀❀❀❀❀❀❀❀❀❀❀❀❀❀❀❀❀❀❀❀

**Montru nian gazeton al viaj katolikaj amikoj**

# LETERO EL AŬSTRUJO

■ En la aŭstra parlamento la 13 februaro blovis kulturbatala aero. Per la voĉoj de la socialdemokratoj kaj de la nacia ekonomipartio estis akceptata la propono de la deputito D-ro Hampel (nac. ek. part.) alkonformigi la aŭstran edzecan juron al la germana kaj la ekvalorigon de la interkonfesia regna popollerneja leĝo en Burgenland. (Ĝis nun en ĉi tiu plej nova aŭstra liglando ankoraŭ valoras la hungara lerneja leĝo kun konfesiaj lernejoj.) La kristansocia partio, el kiu 3 membroj pro malsano estis malhelpataj je la voĉdonado kaj la Landbund kaj la Heimatblock, de kiu ankaŭ deputito pro malsano mankis, restis kun 79 kontraŭ 80 voĉoj je unu en la plimulto. Praktikajn sekvojn la decido ja certe ne havigos al la proponintoj, ĉar la kristansocia registarestro ne tro atentos ĉi tiun kulturbatalan decidon.

■ La fama aŭstra kolegio *de la Jezuitoj en Kalksburg,* apud Wien, povis antaŭ nelonge festi la 75-jaran ekziston. Ĝi estas fondita de la aŭstra provinco de la Ordeno en la jaro 1856 kiel edukejo de la aŭstra junularo. Imperiestro Francisko-Josefo plej malavare sub-



La Jezuita kolegio en Kalksburg

tenis la fondado per donaco de granda parto de la fondkostoj. Kortega konsilanto D-ro Viktor Fuchs, konsilanto de la aŭstra administra tribunalo, en sia festparolado okaze de la 75-jarfesto prave diris: « Kalksburg estas kreaĵo de la granda tempo de la baroko kun ĉiu ĝia grandioza vervo, kun la monumenteco de ĝia kultura koncepto. Ĉi tiu kuraĝa spirito de la barok-tempo, kiu atingas sian supron en tio, religi la disŝiritajn ligilojn inter homa kulturo kaj religio, inter homo kaj Dio, sciis meti en la servon de ĝiaj grandiozaj ideoj enflamanta entuziasmo ĉiujn homajn kapablecojn, arton kaj sciencon, por tiel krei kulturepokon de la plej granda scienca signifo kaj de ĝojeganta beleco. » Ke en ĉi tiu granda koncepto la edukado havas plej fundamentan gravecon, pruviĝas per la mondampleksa edukado de la Societo de Jesuo. En Kalksburg konserviĝis dum 75 jaroj la eduka saĝeco, kiun sankta Ignacio metis en la regularon de la Ordeno. Tutaj generacioj de aŭstra junularo ricevis en Kalksburg krom riĉaj scioj ankaŭ sian vivoformon kaj sian katolikan konvinkon, multaj el ili atingis gravajn, gvidantajn postenojn en la publika vivo; tute ne estas mezurebla, kiel benoriĉa estis la influo de Kalksburg sur la ŝtata, sociala kaj kultura vivo de la malnova monarkio. Donu la bona Dio, ke ĝi ankoraŭ multajn generaciojn edukadu, je la plej bono de la nova Aŭstrujo.

■ Nunjare pasis dek jaroj, ke Burgenland estas transprenata el la hungara administrado kaj fariĝis liglando aŭstra. Pro tio landa konsilanto Wagner en la Burgenlanda landa parlamento (Landtag) faris tre interesan referaton pri la evoluiĝo de la lernejoj en Burgenland dum la lastaj dek jaroj. Laŭ *Burgenländische Heimat,* Eisenstadt, li jenon raportis pri la progresoj de la popolklerigado: En la lernejjaro 1921-22 estis en Burgenland 172 unuklasaj, 119 duklasaj kaj 74 tri- kaj pliklasaj popollernejoj; nun estas 152 unuklasaj, 135 duklasaj kaj 87 tri- kaj pliklasaj popollernejoj. En 1921-22 estis okupataj 690 geinstruistoj; nun estas 778 geinstruistoj, el ili 222 instruistinoj. El la jam ekzistantaj lernejoj estas 47 ŝtataj, 22 komunumaj, 220 romkatolikaj, 64 protestantaj, 6 israelidaj, konfesiaj lernejoj, 4 romkatolikaj lernejoj sub protekto de gemastroj, 1 lernejo de Südmark (aŭstra germana lernejasocio) kaj 1 protestanta reformita lernejo. Estas instruata en germana lingvo 316, en kroata lingvo 40, en hungara lingvo 9 lernejoj. La nombro de la lernantoj nuntempe estas 20.937 knaboj kaj 20.527 knabinoj, entute 41.464. El ili estas 4.189 kroataj kaj 848 madjaraj lernantoj. En Burgenland ekzistas 36 lernludejoj kun 2.824 infanoj kaj 46 lernludejistinoj. En 1921-22 ekzistis en Burgenland 5 ŝtataj burĝlernejoj kun 24 klasoj kaj 40 instruistoj, krome 2 monaĥejaj burĝlernejoj kun 8 klasoj kaj 10 instruistoj, entute do 7 lernejoj kun 32 klasoj kaj 50 instruistoj. Nuntempe ekzistas 13 ĉeflernejoj kun 53 klasoj kaj 71 instruistoj. Mezlernejo ekzistis en 1921-22 nur unu kun 8 klasoj kaj 12 instruistoj; nun estas 3 kun 23 klasoj kaj 42 instruistoj. Instruista akademio estis en 1921-22 nur unu kun 4 klasoj kaj 6 instruistoj; nun krome ekzistas akademio por instruistinoj. Do entute nun estas 8 klasoj kaj 13 instruantoj. Komercaj lernejoj 1921-22 ne ekzistis; nun estas 2 klasoj kaj 7 instruistoj. Metilernejoj estis 5; nun estas 22. La komparo de la nombro de la lernantoj en 1921-22 kun la nuna jaro montras jenan bildon: Popollernantoj en 1921-22 estis 35.000, nun 41.464; ĉeflernantoj 820, nun 1.287; mezlernantoj 126, nun 608; komerclernantoj 0, nun 100; instruistokandidatoj 70, nun 168. Dum la lastaj dek jaroj estis en Burgenland 28 lernejoj nove konstruitaj. Krom tio en multaj lokoj oni pligrandigis aŭ plibonigis lernejkonstruaĵojn.

■ La episkopo de Linz apud la Danubo, D-ro Johannes Maria Gföllner, en sia episkopa letero okaze de la granda fasto, diras jenon pri la laborista problemo: « Karitato sola ne sufiĉas por forigi la socian mizeron; ĉar multa mizero elkreskas el la malsocia maljusteco, kiu kondukas tutajn homklasojn al la randon de malespero, faligas en la abismon de la pereo. La riĉaj sibaritoj, kiu eĉ ne unu paneron havas por la malriĉa Lazaro, ne estas elmortintaj. Precipe la laboristaro suferas sub multobla nesociala maljusteco kaj malmoleco per neniam sata kapitalismo, per ekspluatado de ĝia mizero deflanke de kelkaj labordonantoj kaj entreprenistoj, per leĝoj kaj agoj, kiuj al la simpla homo el la popolo la supreniron al la hominda kaj tolerebla ekzistado malfaciligas aŭ malebligas. La laboristoj kaj dometposedantoj, la servistoj kaj dungitoj havas netranscedeblajn rajtojn, kiujn ili ne devas elpeti, sed kiujn ili povas plenrajte postuli. Jen estas unuflanke devo de justa, komprenanta kaj lojala leĝdonado, helpi al la senrajtigitoj al sia rajto, levi la teren prematajn, teni la falantajn; kaj aliflanke estas nedisputebla rajto de la laboristoj en organizajoj kaj laboristaj ĉambroj, kaj precipe per siaj kompetentaj riprezentantoj kaj pioniroj akceptigi siajn justajn postulojn. Tio estas fundamenta penso, kiun insiste kaj necedeme akcentis la neforgesebla sociala laboristo-papo Leono XIII-a en sia fama laboristo-enciklo *Rerum novarum* antaŭ baldaŭ 40 jaroj.

» Kiu do kristane pensas kaj sentas, nuntempe devas esti sincera, varma kaj energia amiko de la laboristoj. Pro tio salutas papoj, episkopoj kaj pastroj la kristanajn laboristajn organizajojn, sindikatojn kaj laboristajn societojn kaj postulas de la parlamentoj kaj registaroj, ke ili leĝigu la rajtigitajn postulojn de la laboristoj kaj ne malatentu ilian helpkrion. Ĉiuj veraj kristanaj amikoj de la laboristoj nuntempe staras en la unua vico de tiu laika apostolado, kiu batalas por justeco, por sociala komprenemo kaj por sociala egaliĝo. »



Katolika refreŝiĝejo en Waidhofen

■ *La nova refreŝiĝejo de la Katolika Virina Asocio* (Katholische Frauen Organisation, K. F. O.). — La centro de la Katolika Virina Asocio de Aŭstrujo malfermos la 1 aprilo k.j. refreŝiĝejon en Waidhofen, apud la Ybbsrivero, la kastelo-hotelo Zell. Waidhofen havas kelkajn preĝejojn, belajn ĝardenojn kaj promenejojn kaj havigas ĉiujn agrablaĵojn de somera restadejo. Waidhofen, en Malsupra Aŭstrio, estas situata en belega ĉirkaŭaĵo, la klimato estas bonega. La kastelo Zell estas impresa konstruaĵo enmeze de granda natura parko. Malgraŭ la komforta instalaĵo estos la prezoj tre modestaj. Oni fakte tutkore povas deziri al ĉi tiu nova fondaĵo de K.F.O. plej bonajn sukcesojn.

■ En la princepiskopa palaco Kardinalo Princĉefepiskopo D-ro Piffl akceptis la gedisdonantojn de la *Wiener Kirchenblatt.* Geviroj el ĉiuj rangoj, maljunoj kaj infanoj estis venintaj, ili ĉiuj, kiuj en ĉiu vento kaj vetero agadas antaŭ la pordegoj de la preĝejoj kiel apostoloj de la presita vorto, la malgranda armeo de Msro Mörzinger, kiu dum 12 jaroj kutimiĝis, fari ĉiun oferon, por progresigi la *Kirchenblatt.* Kardinalo Piffl diris en sia alparolado: « Estas faritaj grandaj oferoj; ĉi tiuj oferoj ankaŭ havigis al ni bonajn sukcesojn. La *Kirchenblatt* ree progresis; precipe la *Kleine Kirchenblatt* neesperite evoluiĝis. La « Jesu-tago », enkondukita por la malgrandaj legantoj de ĉi tiu gazeto, ne plu estas limigata en Aŭstrujo; ĝi nuntempe jam fariĝis internacia posedaĵo. Ĝi estas enkondukata en Japanujo kaj same en Sud-Afriko. Ni aŭstroj povas fiere akcenti, ke Aŭstrujo fariĝis instruanto en religiaj aferoj. Mi tre ĝojas, ke tio estas sur la kampo, sur kiu oni povas esperi tiel belajn sukcesojn. »

■ En Wien mortis la 19 februaro la konata katolika verkistino Maria Eugenie delle Grazie. Ŝi naskiĝis la 14 aŭgusto 1864 en Weisskirchen (Hungarujo), sed plejparte vivis en Wien. La aŭtorino apartenis al la plej rimarkindaj personoj de la katolika literaturo. El ŝiaj verkoj estu menciataj la eposoj, riĉaj je brulantaj koloroj, « Robespierre » kaj « Hermann »; la dramoj « Schlagende Wetter (eksplodgasoj) », el la vivo de la ministoj, kaj « Der Schatten (la ombro) »; la romanoj « Heilige und Menschen (sanktuloj kaj homoj) », impresa presentaĵo de roma vivo, kaj « Eines Lebens Sterne (steloj de vivo) » kaj « Empörung der Seele (ribelo de la animo) ». En 1916 ŝi ricevis la Ebner-Eschenbach premion por literaturo.

■ Sub gvidado de Princepiskopo D-ro Ferdinand Pawlikowski la pastraro de Stirio aranĝas grandan helpagadon por la senlaboruloj de la lando. Estos kolektataj vestaĵoj, tolaĵoj, ĉiaj manĝaĵoj kaj ankaŭ mono por almenaŭ iom subteni la bedaŭrindajn viktimojn de la ekonomia krizo. Pri la sukceso de la princepiskopa alvoko ni siatempe raportos.

■ Laŭ la lastaj raportoj estas konstatebla tre bona evoluiĝo de la *Kristan-germana gimnastikistaro de Aŭstrujo.* Kompare kun la membronombro de la jaro 1929, en 1930 oni povas konstati plialtiĝon je 10.040 al 38.342 membroj. La fortegan kreskadon de la gimnastikistaro eble plej klare montras la nombro de la societoj. En 1928 ekzistis 198 societoj kun 26.947 membroj; 1929 estis 240 societoj kun 28.302 membroj; 1930 ekzistis 268 societoj kun 38.342 membroj. Post la regna gimnastikista festo en Salzburg, en aŭgusto 1930, fondiĝis 28 novaj societoj! Ni esperu, ke tiel daŭriĝos. Tiam ni ne bezonas timi pro la estonteco de la kristana popolo en la germana Aŭstrujo!

Karl Dürschmid.

# Katolikismo en Usono

De Msro John F. Noll,
*episkopo de Fort-Wayne (USA)*

*La sekvanta raporto reproduktas parol-adon de la amerika eklezia princo, farita antaŭ elektita rondo dum la lasta Internacia Katolika Semajno en Ĝenevo.*

Usono nombras 122 milionojn da loĝantoj. El ili estas 44.380.000 personoj pli ol 13-jaraj, membroj de kristanaj organizajoj, ĉu de la katolika Eklezio aŭ de diversaj protestantaj grupoj. Sekve pli ol la duono de la loĝantaro ne apartenas al iu ajn eklezia societo. Estus do troigo, se oni volus diri, la enloĝantoj de Usono estas kristana popolo. Ĉe la nombrado en 1926 oni nombris 27 milionojn da protestantoj, dispartigitaj en 212 konfesioj, kaj 18 milionojn da katolikoj. Sed ekzistas certe en nia lando kelkaj milionoj da katolikoj, kiuj ne estas en niaj listoj, kaj kelkaj milionoj da protestantoj, kiuj pretekstas, esti protestantoj, sed kiuj ne plu estas aktive religiaj. Ja, ni estas tentataj, aserti, ke la veraj protestantoj ne estas grave pli multnombraj ol la katolikoj. Inter la 12 milionoj da negroj, kiuj vivas en Usono, ekzistas verŝajne ne pli ol 250.000 katolikoj, do entute 2 %. La nombro de la judoj estas proksimume 3 milionoj. Entute ekzistas en Usono ĉirkaŭ 65 milionojn da homoj, kiuj tute ne apartenas al iu eklezio, sed kiuj kontraŭstaras al Katolikismo ne malamike. Ekzistas ĉe ni neniu tipe antikatolika aŭ antikristana movado, kvankam estis disvendataj dum la lasta balotbatalo en 1928 multaj erarreligiaj plakatoj kaj broŝuroj.

De la katolika vidpunkto oni devas antaŭ ĉio meti jenajn ĉeffaktojn en la lumon: La kreskado de la nombro de la katolikoj estas kvinobla kompare kun la kreskado de la nombro de la loĝantaro. Ni dankas tion al la enmigrado el Eŭropo, kiu ja nuntempe ne estas tro grava. Kiam antaŭ 150 jaroj John Carrol estis elektata unua episkopo de Usono, ekzistis en la unuiĝitaj ŝtatoj nur 6 katolikaj preĝejoj kaj 20.000 katolikaj kreduloj. Nun ni havas 18.000 preĝejojn kun 20 milionoj da kreduloj. Antaŭ 90 jarojn estis en Ĉikago 50.000 enloĝantoj eĉ ne unu pastro. Nun estas en la urbego inter 3 1/2 milionojn da loĝantoj 1 1/2 milionojn da katolikoj, ĉirkaŭ 1.000 pastroj kaj 253 preĝejoj. Antaŭ 90 jarojn estis Baltimore la sola ĉefeparĥio kun 15 episkopoj. Nun ni havas 102 episkopojn kaj 15 ĉefepiskopojn. En la tiama tempo estis oriente de la Mississippi eĉ ne unu episkopo, nun estas tie 40. La teritorio de nordoriento tiam formis la eparĥion de Detroit. Nuntempe ĝi estas partigita en tri ekleziaj provincoj. En la jaro 1929 konvertiĝis 38.000 personoj al Katolikismo, tio estas 3 personoj por ĉiu paroĥo.

Ĉefe en la urboj koncentriĝis la katolika loĝantaro, dum la protestanta parto de la loĝantaro estas ĉefe sur la kamparo, ambaŭfoje en la sama proporcio de 80 %. Protestantismo estas en la sudaj ŝtatoj en la plimulto kie venas al 10 personoj 9 protestantoj. En la ŝtatoj de Nov-Anglujo kontraŭe estas pli ol la duono de la vizitantoj de preĝejoj katolikaj. Ankaŭ laŭlonge de la tuta meksikia-amerika limo ni trovas katolikojn, eble en la nombro da 2 milionoj, sed ili ne estas en niaj listoj, ĉar ili apartenas al Meksikio. Maloftan ekzemplon de rasintermiksado donas la urbo Gary, kiu apartenas al mia eparĥio. Antaŭ 25 jarojn ĝi ankoraŭ ne ekzistis. Nuntempe ĝi havas 100.000 enloĝantojn, kiuj apartenas al 43 diversaj nacioj. Fondiĝis samtempe 5 paroĥoj, por kontentigi la religiajn bezonojn.

Nia katolika Eklezio formas en Usono grandan potencon. Ni ricevas de ŝtata flanko ja eĉ ne unu groŝon, nek por la pastraro, nek por niaj lernejoj, nek por niaj preĝejoj. Ĉiuj religiaj taskoj ŝarĝas la ŝultrojn de la kredantoj, kiuj faras grandajn oferojn, por ke ili povas porti ilin. Nur la kredantoj liveras ĉion, kio estas necesa por la ekipo kaj subtenado de paroĥo. Sed tio tute ne malhelpas ilin, donaci grandajn sumojn por la papa verko de la propagando de la kredo. Se ni katolikoj tio estas, kio ni estas, tiam ni dankas ĝin al niaj katolikaj lernejoj, per kiuj ni 8 aŭ 10 jaroj ricevis nian konsciencklerigon. Niaj 8.000 elementaj lernejoj kun 60.000 instruistoj instruas certe 2.300.000 lernantojn. Niaj 2.400 pli altaj lernejoj (gimnazioj ktp.) kun 14.000 profesoroj havas 240.000 lernantojn. Plue ni havas 160 kolegiojn kaj universitatojn kun 7.000 profesoroj por 100.000 studentoj. En niaj 80 instruistaj akademioj preparas 1.300 profesoroj 14.000 studentojn por la instruista profesio. Krom tio ni posedas 190 seminariojn kun 1.000 profesoroj kaj 17.000 pastrokandidatoj. Do entute nombro da 2.600.000 lernantoj kaj instruantoj. Ni tamen kredas, ke en la publikaj ŝtataj lernejoj estas samgranda nombro da katolikaj infanoj. Tio estas ĉefe kaŭzita de tio, ke ni ankoraŭ havas 6.000 malgrandajn paroĥojn, kiuj posedas nek pastron, nek lernejon, kaj krome de tio, ke en la urboj indiferentaj katolikoj preferas alian edukadon, precipe se ĝi ankoraŭ estas pli malmultekosta. Sed pro tio ni tute ne malzorgas ĉi tiujn infanojn, sed ni plej fervore klopodas, havigi al ili religian instruadon kaj religian edukadon. Ekzemple en Gary okupiĝas aparte fratinoj pri ili, por instrui ilin pri religio, post fino de la instruado en la ŝtata lernejo, en siaj domoj dum iaj horoj. Al aliaj lokoj ni okazigas libervolajn katehistojn.

Antaŭ 10 jarojn fondis niaj episkopoj « The National Catholic Welfare Conference » kaj disponigis al ĝia gazetara sekcio sumon da 70.000 dolaroj por du jaroj. Ĉi tio sekcio nuntempe elspezas 80.000 dolarojn pojare kaj sendas artikolojn kaj informojn al 76 jurnaloj. La organizajo havas siajn korespondantojn en ĉiuj eŭropaj ĉefurboj, tiel ke ni havigas al la gazetaro de Usono religiajn informojn, ne mem havante proprajn jurnalojn. Kompletigo de ĉi tiu gazetara servo estas la Radio-servo, kiu ĉiusemajne unu horon sendas katolikan programon, kiu estas transprenata de 46 sendstacioj.

Mi volis en ĉi tiu raporto nur paroligi nombrojn; ŝajnis al mi la plej bona rimedo, por komprenigi kaj meti en ĝustan lumon, kiun vojon ni iris de la komenco ĝis nun.

Esperantigis Karl Dürschmid.

(El la ĉiusemajna revuo *Schönere Zukunft*, Wien.)

## La verkoj de la Franciskanaj Misi-Fratinoj de Mario

La junulaj kaj karitataj verkoj de la Franciskanaj Misi-Fratinoj de Mario montras, en 1930, tre notindan progreson. Dum multobliĝis la junulaj studrondoj, la nombro de la hospitaligitaj malriĉuloj preskaŭ duobliĝis. Jen kelkaj ciferoj elokventaj laŭ la Analoj de la Instituto de la Misi-Fratinoj.

Kvardek ok aziloj gastigis 4.378 infanojn; 92 orfejoj flegis 8.469 georfojn; 117 lernejoj, el kiuj 46 kolegioj, instruis 16.284 gelernantojn; 96 metiejoj akceptis 5.575 laboristinojn. Pere de la diversaj verkoj de la Fratinoj proksimume 66.000 infanoj estis trafe edukataj.

Oni devas ankaŭ aldoni: 58 hospitalojn kun 78.725 malsanuloj; 123 ambulancojn aŭ konsultapotekojn, kiuj disdonis 2.952.482 kuracilojn; 8 leprulejojn kun 1.959 geleprulоj; 9 lazaretojn kun 2.599 flegitoj.

La kongregaciaj statistikoj ankaŭ sciigas, ke, en 1930, la Franciskaninoj de Mario faris 37.707 vizitojn al malsanuloj kaj 25.203 al malliberuloj.

Plue diru, ke la Fratinoj donis la bapton al 46.188 tuj mortontaj homoj; 10.667 al infanoj kaj 35.521 al plenkreskuloj.

En 1930, 104 religiulinoj foriris al la misiejoj.

(*Pres-agentejo « Fides ».*)

## Nombroj parolantaj!

En Germanujo loĝas pli ol 62 milionoj da homoj, el kiuj 40 milionoj en urboj! En la lasta popolnombrado (1925) oni indikis 750 diversajn religi-specojn, el tiuj 416 protestantaj kaj 180 nekristanaj: ankoraŭ en 1910 oni indikis 240 religi-specojn malpli.

La germanaj katolikoj, iom pli ol 20 milionoj, estas 32,4 % de la tuta loĝantaro; el po 1.000 Germanoj estas 641 protestantoj, 323 katolikoj kaj 25 « aliaj ». En 1910 estis nur 3 « aliaj », kies tuta nombro ĝis nun pliiĝis de 200.000 al 1.550.000!

En la parlamento de 1930 estas 577 delegitoj, 217 protestantaj, 160 senkonfesiaj, 140 katolikoj, 54 rifuzas ĉian indik[illegible] kaj 1 malnov-katolika!

Unu aktiva animgvidanta pastro prizorgas meznombre 1.268 katolikojn, en la ĉefeparĥio Breslau 1.959, en ĉefeparĥio Köln 1.753, sed en eparĥio Eichstätt nur 658 kaj en Augsburg 779. Kiel malbona estas tiu meznombro 1.268, ni vidas je komparo kun aliaj landoj: Hispanujo 420, Nederlando 500, Nordameriko 764, Francujo 1.026!

Ĉiu tria katoliko edzigas alikonfesian(in)on, kaj el tiuj ĉiu dua perdigas siajn infanojn por la Eklezio!

Karl Kullmann.

(El *Stadt Gotter.*)

## EL ĈEĤOSLOVAKUJO

### Paŝtista letero de Slovakaj episkopoj pri la festoj de Privin

Episkopoj de Slovakujo eldonis, okaze de proksimiĝanta 1100-jara datreveno de la fondo de la unua kristana preĝejo, sur la teritorio de Ĉ. S. R., en Slovakujo, komunan paŝtistan leteron al sia kredantaro, el kiu ni eltiras kelke da ideoj.

Komence, la episkopoj klarigas la celon de sia letero: inviti kaj prepari la katolikaron por inde festi datrevenon de tiu ĉi granda kaj ĝoja okazintaĵo.

En unua parto de sia komuna voĉo, akcentas la Slovakaj episkopoj la nacian signifon de la fondo de la unua kristana preĝejo, sur la teritorio de Slovakujo, en kastelo Nitra. Tiu ĉi preĝejo, konstruita antaŭ 1100 jaroj de Princo Privin, proklamas al ni Slovakoj, kaj al la tuta mondo, ke el la nordaj Slavoj unuaj akceptis Kristanismon niaj prapatroj slovakaj, kaj per tio enviciĝis en la kulturan unuiĝon okcidenteŭropan.

Reganta Princo Privin bone komprenis la spiriton de la epoko, klopodante kristanigi sian popolon, ĉar li ekkonis, ke kristana Kredo nobligas lian nacion, ne nur interne, sed garantios al ĝi la estontecon. Kristanaj misiistoj, venintaj el Okcidento, trovis en li subtenanton, kaj ilia laboro estis tiom sukcesinta, ke jam ĉirkaŭ jaro 830, povis Privin sur sia kastelo Nitra konstrui preĝejon, kiun konsekris la episkopo el Salzburg Aladram. El estinta memstareco kaj nacia gloro, restis tiu ĉi preĝejo kiel rememorajo, por ke ĉiu Slovako ĝin rigardu kiel juvelon de sia antikva kulturo. Ĝi fariĝis fajrejo de religia vivo. De tie disvastiĝadis la lumo de Vero de Kristo, kaj en tiun ĉi preĝejon eniras pli poste, la slavaj apostoloj sanktaj Cirilo kaj Metodo, por ke ili finigu la laboron komencitan de Privin.

Hodiaŭ heroldas al ni ni la jubilanta preĝejo, ke nacio nia, nelasis de si forŝiri Kredon de Kristo, sed ĉerpis el ĝi forton, esperon, eĉ dum la sufero, kaj ĉionpotenca Dio rekompencis ĝian fidelecon, nelasante ĝin perei.

Nia jubileo devas utili al la nacio kaj Eklezio, kaj ĝi devas fariĝi memorinda por la estonta generacio. Tial helpe de la tuta katolika Slovakujo estos kolektita « Jubilea fondaĵo de Privin », per kiu oni konstruos unu katolikan gimnazion kaj unu pedagogian instituton, por edukado de katolika instruistaro.

Por ke la jubileo postlasu en la animoj daŭrajn postsignojn, atentigas la episkopoj je la vortoj de la Papo Pio XI-a, kiujn li akcentis en sia apostola letero, okaze de 1000-jara datreveno de sankta Venceslao, al la Ĉeĥoslovaka episkoparo skribinte: « Ne vane forpasu tiu ĉi jubileo, kaj tial ni esperas, ke per komuna klopodo de ĉiuj, la Kredo ĉe Vi fortiĝu, kristana vivo denove ekfloru, kaj tiamaniere la religio renoviĝu. »

Sian proklamon finigas la episkopoj, per jenaj vortoj: « Tiu gloro, kiu tiom da jaroj estis kaŝita, denove ekbrilu super Nitra, super Fatroj, super Slovakujo nia patrolando, per renovigo de Kristana vivo, kaj moralo, de ĉiuj fidelaj filoj de Eklezio kaj nacio. »

Fr. Kudrna.

### La nombro de klerikuloj kreskas

Post jaroj de persekutado de la Eklezio, ankaŭ ĉe ni Katolikismo registras novan kreskadon. Tion ĉi dokumentas novaj dekoj da ekkonstruitaj preĝejoj en urboj kaj vilaĝoj, kreskanta vizitado de Diservoj, partopreno de kreduloj en spirita vivo kaj la plej ĝojiga fakto en ĉi-tiu jaro, la rea pleniĝado de seminarioj.

Nun ni havas nur informon pri du plej grandaj seminarioj ĉefepiskopaj en Praha kaj Olomouc, laŭ *Prazsky Večernik*. En ambaŭ okazis nunjare granda plimultiĝo de la klerikularo. Tiu ĉi fakto estas des pli rimarkinda, ĉar jam nunjare validas nova studa ordo, laŭ kiu la teologia studado daŭros en Ĉ. S. R. plenajn 5 jarojn (ĝis nun 4 jarojn).

En la seminario de Praha studas nunjare: en la 1-a klaso 32 klerikuloj, en la 2-a klaso 25, en la 3-a 16, en la 4-a 19, en la 5-a 3. Entute estas en Praha 95 klerikuloj, el kiuj 61 Ĉeĥoj, 31 Germanoj, 1 Hungaro kaj 2 Amerikanoj.

En la unuan klason estis multegaj aliĝoj, sed post severa elekto estis akceptitaj nur la plej bonaj kandidatoj. Al la supre nomita nombro de 95 klerikuloj, oni devas alkalkuli ankoraŭ pluajn 4 teologojn, senditajn en la Ĉeĥoslovakan kolegion « Nepomucenum » en Romo.

En la seminario de Olomouc estas entute 212 teologoj: en la klaso 1-a 60, en la 2-a 59, en la 3-a 42, en la 4-a 51. El tiu ĉi nombro unu kvarono estas Germanoj.

La seminario estas plena, kiel en jaro 1900. Sendube la mortinta ĉefepiskopo D-ro Stojan, kiu mortis en famo de sanktulo, protektas el la ĉielo sian iaman eparĥion.

Tio estas la plej ĝojiga fakto en la hodiaŭa floro de Katolikismo en Ĉeĥoslovakujo. Ne estis senutilaj la laboroj kaj oferoj, kaj ne vanaj la preĝoj por multnombra kaj bona pastraro!

L. Penzová.

## LETERO EL HUNGARUJO

La hungara nacio ĉiam tre estimis Lian Papan Moŝton. Nun, kiam okazis la naŭa datreveno de lia kronado, en tuta Hungarujo oni festis ĝin. Lia Kardinala Moŝto princprimato D-ro Justiniano Serédi, celebris la festan sanktan meson, en la kronada preĝejo. La guberniestron de Hungarujo riprezentis S-ro Kamillo Kárpáthy, la ĉefo de la hungara armeo, kiun oni akceptis je lia alveno grandfeste: la orkestro ludis la hungaran nacian himnon kaj la soldatoj donis al li saluton.

La sanktan meson partoprenis la anoj de la diplomataro, la hungaraj ministroj, kaj la hungaraj kaj ĉefurbaj eminentuloj.

Kiam Msro princprimato J. Serédi alvenis, la preĝeja orkestro akceptis lin kun festa voĉo de la fanfaroj. La fanfarmuziko estis la sama, kiun oni povas aŭdi en Romo dum la sankta meso de la Papo.

Sed ne nur en Budapest, eĉ en la tuta lando okazis festoj kaj la katolikaro partoprenis ilin.

— El Hungarujo vojaĝos multaj karavanoj al Padova (Italujo) kaj la intereso estas tre granda. La unuan karavanon gvidos Lia Episkopa Moŝto István Zadravecz fine de marto. Post ĝi sekvos la aliaj espereble kun multaj anoj.

— Ĉiam dimanĉe okazas en la universitata preĝejo sankta meso precipe por la anoj de la oficistoj de la armeo, kiun multaj oficistoj kun siaj geanoj partoprenas.

— La hungaraj katolikaj kaj aliaj ĵurnaloj tre intereŝe kaj agrable skribas nun pri la deklaro de Pastro Bergey, franca deputato, kiu skribas bele kaj kompreneme pri la hungaraj situacioj, pri la estonto de la nuna, malgranda lando kaj pri la hungaraj klopodoj.

— La hungara katolikaro ploras grandan mortinton: Princon László Batthyány-Strattmann, kiu estis kuracisto donante senpagan resanigon en sia hospitalo al multaj malsanuloj. Sed li estis ankaŭ tre pia, kaj sekvis la ekzemplon de sankta Francisko.

— La tutmonda katolikaro scias, ke sur la Sion-monto en Jerusalem ekzistas la Dormada-preĝejo, en kiu nun estas jam hungara kapelo. La akcion, kiu celis starigi la kapelon, gvidis la ĉefepiskopo de Kalocsa-Bács: Grafo D-ro Gyula de Zichy. En la belega kapelo estas ĉio hungara: la altaro, la mebloj, la kandelingoj, ktp.

La altarbildo montras la Beatan Virgulinon, patroninon de Hungarujo. Ĉar la Hungaroj ĉiam tre estimis la Beatan Virgulinon, ankaŭ nun, kaj sur la flagoj, moneroj, ktp., estas bildo de la Beata Virgulino.

Paskon aparte karavano vojaĝos en Palestinon gvidata de Lia Moŝto Grafo D-ro Gyula de Zichy, ĉefepiskopo de Kalocsa, por transpreni la hungaran kapelon. Tiam, kiam la karavano transprenos la kapelon, ĉi tie en lando, unu miliono da katolikoj faros komunan komunion, festante la tagon de la transdonado de la hungara kapelo. En la preĝoj petos la katolikaj hungaroj la forigon de la dekjaraj doloroj kaj la resanigon de la suferitaj vundoj.

— Grandeminenta societo de la hungaraj katolikaj viroj estas la « Sankta Emerik-Asocio », kiu jus okazigis sian jaran kunvenon. La ĉefaj eminentuloj de la hungara politika kaj eklezia mondo ĉeestis. La kunvenon malfermis la prezidanto de la Asocio D-ro Gyula Glattfelder, episkopo, kaj li parolis pri tiuj belegaj minutoj kaj tagoj, kiuj okazis dum la Sankta Emerik-Jubilea Jaro, petante sendi saluttelegramon al la prezidanto: Kardinalo Justiniano Serédi, Msro István Hász, episkopo de la armeo, kaj S-ro Károly Huszár, eksministerprezidanto.

Poste oni parolis pri diversaj asociaj aferoj kaj fine elektis la novan estraron.

D-ro Gyula Lukács.

## EL ANGLUJO

### Neatendita morto de Msro Burton

Doktoro George A. Burton, episkopo de Clifton, subite mortis, la 8 februaro, en lia loĝejo St. Ambrose, Leich Woods, Bristol. Li estis 79-jara.

Oratoro de potenca elokventeco kaj matura klerulo, lia morto lasas plimalriĉa la Eklezion en Anglujo.

Naskita en Hull, en 1852, Episkopo Burton edukiĝis ĉe Ratcliffe kaj ĉe la Angla Kolegio en Romo. Tie li estis arda studento de la klasikoj kaj li povis parkere deklami longajn eltirajojn el Homer-verkaro. Li estis poeziŝatanto, kaj, dum la fruaj studentaj tagoj, li verkis latinlingve belan poemon, kies titolo estis: « Lamento de Magdaleno ». Oni alte laŭdis ĝin, kaj Papo Leono XIII-a petis kopion, kiun D-ro Burton persone transdonis.

Nur en 1890 D-ro Burton estis presbiterigita; li estis tiam 38-jara. Kiel help-pastro ĉe la katedralo Sankta-Mario en Newcastle, kaj pliposte kiel paroĥestro de South Shielos li baldaŭ gajnis la estimon de siaj paroĥanoj. Li faris utilan laboron dejorante en la Lerneja Konsilantaro de tiu urbo.

La elekto al la episkopeco venis neatendita kaj nedezirita. Laŭdire, je la morto de Episkopo Brownlow, oni faris fortan peton al Papo Leono XIII-a, por ke Msro Prior iru al Clifton. Responde la Papo diris, ke li tute ne povis liberigi Msron Prior el Romo. « Sed, persiste diris la petantoj, Lia Papa Moŝto trovos bonegan posteulon al Msro Prior en D-ro Burton. » — « Bone, respondis la Papo. Tiuokaze D-ro Burton tute taŭgas por Clifton. »

Do en majo 1902 D-ro Burton fariĝis episkopo de Clifton. Li baldaŭ orientiĝis kaj oni pli kaj pli ŝatis lin pro lia preskaŭ senĉesa aktiveco.

En 1912, la universitato de Bristol, kies li estis guvernisto, honoris lin per la titolo de honora doktoro pri leĝoj (L. L. D.).

Dum lia episkopeco li estis ĉiutage zorgema pri sia fidelularo. En la eparĥio li malfermis ne malpli ol ses preĝejojn kaj elspezis pli ol £ 100.000 por la konstruado de lernejoj por katolikaj infanoj. Li lasas post li monumenton de progreso tra longa kaj sennuba regado.

Lia Kardinala Moŝto Bourne prezidis la funebran ceremonion, kiu okazis en la prokatedralo. La panegiron predikis la ĉefepiskopo de Liverpool. La enterigo okazis en la tombejo de la Sanktaj Animoj, Arnos Vale. Tie li restas kun siaj fideluloj. Kaj lia memoro vivas ne nur en koroj iliaj, sed ankaŭ en la ŝato kaj estimo de netakseblaj katolikaj kaj nekatolikaj amikoj en la tuta lando. *Anima felicissima vivas en Christo!*

### Pri la radio-parolado de la Papo

Sendube milionoj da personoj aŭskultis la Papan radio-paroladon. En Granda Britujo sole estas 3.159.000 posendantoj de radio-aparatoj, kaj minimume 11.000.000 ekzistas en Usono. En la katedraloj de Westminster kaj de Liverpool oni faris taŭgajn aranĝojn por la ricevo de la Papa mesaĝo. Laŭtparolilojn Marconiphone-societo instalis ne nur en la katedraloj sed ankaŭ ekstere, por ke ĉiu el la vasta homamaso povu aŭdi. Ĉiuj aŭskultis la Papan voĉon, kaj kia klara, agrabla voĉo ĝi provis esti, kvankam iom ŝancelebla en ĝiaj kadencoj. Sed dum li elektis la plej moderna rimedo de komunikado, por paroli al la plej vasta aŭdantaro, Lia Papa Moŝto uzis unu el la mortaj lingvoj — la latino — kaj nur malgranda nombro kapablis lin kompreni.

Tradukon oni intencis radio-dissendi poste, sed pro ŝanĝo pri la aranĝoj tio bedaŭrinde estis neebla. Oficialo de la B. B. C. poste sciigis, ke la pligranda parto de la angla broadkasto venis el Ameriko. Tio ĉi okazis pro la fakto, ke la senpera ricevo de la Vatikana Urbo estis malpli kontentiga ol la ricevitaj signaloj de la Usona Mallongonda stacio 2XAD. Sekve la plimulto de la Papa mesaĝo vojaĝis preskaŭ 7.000 mejlojn — de Romo al Ameriko kaj returnen al Eŭropo — antaŭ oni aŭdis ĝin en Anglujo.

### Katolikoj en Anglujo kaj ilia sintenado pri la aferoj en Malta

En lasta semajna numero de la *Catholic Herald* troviĝas amara atako kontraŭ la sintenado de la katolikaro de Anglujo rilate al aferoj Maltaj. La ĵurnalo akcentas, ke ni estas apatiaj al tre grava demando! Ĝi demandas, kie estas la Hierarkio kaj Pastraro? Kie estas la membroj de la Societo « Ĉatenians »? Kie estas la Kavaliroj de Sankta-Kolumbo? Kie estas la Laikaro?

Lord Strickland jam fanfaronas pro lia forta pozicio en Malta. Li diras, ke li havas multe da subteno de la Eminentuloj en Anglujo, kaj Lord Strickland estas la instiginto de la maltrankvileco en la insulo, sed ĉu tio estas vera aŭ ne, oni ankoraŭ ne scias.

Lord Strickland jus reiris al Malta, kaj S-ro Snowden, dum la foresto de la ĉefministro, jus anoncis al la Parlamento, ke Reĝa Komisio stariĝis por enketi pri la politikaj aferoj en Malta, sed li ne anoncis la personaron de tiu Komisio.

La *Catholic Herald* timas, ke Lord Strickland, kiu estas malkaŝe kontraŭ-katolika, intencas subtile aranĝi aferojn por nigrigi la pozicion de la Eklezio en Malta pri aferoj politikaj. Sed ĉu li povos influi la Reĝan Komision, estas tre dubinde, tamen necesas, ke ni, Anglaj katolikoj, atente observu la aferon de ĉiu vidpunkto. Certe ni estas subtenantoj de la Standardo de la Sankta-Seĝo!

### Pri la titoloj de la katolikaj prelatoj

Laŭ nova decido de la Kongregacio Roma de la Ceremoniaro la ĉefepiskopoj kaj episkopoj rajtas la titolon « ekscelenco ». Tiun titolon la episkoparo de Granda Britujo ne uzos, ĉar tiulande la titolo « ekscelenco » estas iom ekskluziva kaj nur malgranda nombro de personoj rajtas ĝin uzi.

### La Papo benas la Anglajn geskoltojn

Al la katolika geskolta ĉefestraro en Londono, telegramon transdonantan la dankon kaj benon de la Sankta Patro sendis Kardinalo Pacelli, ŝtata sekretario, responde al gratula-mesaĝo de la Katolikaj Skoltinoj Anglaj, okaze de la datreveno de la elekto kaj kronigo de Lia Papa Moŝto.

### La lastan enciklikon de la Papo oni multe vendas

Laŭ informo de la Katolika Vereco-Societo, la Papa enciklikio pri la Kristana edziĝo estis presata por la tria fojo, sume 110.000 ekzempleroj.

Ĉi tio facile faras rekordon por la vendo de Papa encikliko, sed aldone al tio la sekretario, S-ro J. P. Boland, K. S. G., sciigas, ke neniam antaŭe broŝuro disvendiĝis tiom multe dum tiom mallonga tempo. Tial ĝi estas la plej legata verko iam ajn eldonata de tiu Societo.

LEO DUKES.

# En la misia kaj etnologia muzeo Laterana en Romo

La Papa Muzeo Misia kaj Etnologia de Sankta-Johano de Laterano, en Romo, lasttempe pliriĉiĝis per novaj kaj interesaj kolektoj. El ĉi tiuj inde estas speciale mencii kelkajn statuetojn senditajn de Msro J. Da Costa Nuñez, episkopo de Makao. Ili estas verkoj de indiĝenoj de la Portugalaj misiejoj en suda Ĥinujo kaj en Filipinaj insuloj, de la XVII-a kaj XIX-a jarcentoj. Rimarkindaj partoprenanta en la lasta kongreso de tiu sama Instituto, pasintan oktobron, en Romo, vizitis la Papan Muzeon Etnologian. Kiel atesto de sia admiro li volis oferdonaci tiun malkomunajon originalan al Pastro Schmidt, direktoro de la muzeo.

Pastro Kirschbaum, ankaŭ el la Societo de la Dia Verbo, misiisto en Nova Gvineo, siaflanke sendis al la muzeo de Sankta-Johano



PASTRO SCHEVESTA MEZE DE PIGMEOJ

estas precipe kolombo reprezentanta la Sanktan-Spiriton, bildo de Jesu-Infano kaj pluraj statuoj de sankta Antonio, kiu, ĉar portugalo, estas multe kultata en Portugalujo kaj ĝiaj kolonioj.

Alia kolekto, ankaŭ tre interesa, estis donacita al la Papa Muzeo de Pastro Schevesta, el la Societo de la Dia Verbo, kiu ĵus faris longdaŭran studvojaĝon inter la pigmeoj de Centra Afriko. Ĝi konsistas ĉefe el idoloj, fetiĉoj, muzikiloj, pipoj, armiloj, ĉasiloj, fiŝkaptiloj, kordoj kaj objektoj el kano kaj pajlo fabrikitaj.

La muzeo ankaŭ pliriĉiĝis per idolo ornamita de juveloj; ĝi devenas el la Ila-tribo, en norda Rodesio. La idolo estis kultata speciale de la virinoj baldaŭ patriniĝontaj, por peti feliĉan naskon. Tiu grava objekto estis donacita de Pastro Smith, kiu vivis kelkajn jarojn meze de tiu loĝantaro, kiam li estis ankoraŭ anglikana misiisto. Tiu religiulo, unu el la fondintoj de la Instituto por la studo de la lingvoj kaj civilizacio afrikanaj, de Laterano, belan kolekton de mosaikoj per plumoj fabrikitaj, devenantan el la regiono de la Sepik-riverego. Ĝis nun tiuj artaĵoj estis konitaj nur en kelkaj regionoj de Ameriko (Malnova Meksikio, ktp.). La dektri mosaikoj el plumoj de Oceanio estas la unuaj, kiuj nun troviĝas en Eŭropo. Kelkaj aliaj samaj estis donacitaj de la sama religiulo al la muzeo de Kambridge (Anglujo). Tiuj verkoj estas preskaŭ ĉiam ornamitaj per geometriaj desegnoj, kaj kelkafoje ankaŭ per homaj figuroj tre stiligitaj. Tiuj bildoj tre similiĝas kun tiuj, kiujn oni vidas sur ŝildoj el kolekto de la Nova Gvineo, kiun Pastro Kirschbaum estis oferdonacinta al Lia Papa Moŝto, okaze de la Vatikana Misi-Ekspozicio, kaj kiun oni povas nun vidi en la Laterana Muzeo.

Tiuj ĉi objektoj estas nuntempe ekspoziciataj en la lasta granda salonego de la misia etnologia muzeo.

*(Pres-Agentejo « Fides ».)*

## INFORMOJ EL ĤINUJO

### La novaj leĝoj kaj la familio

Tre gravaj estas por la progresoj de la katolika religio en Ĥinujo la novaj leĝoj pri la edziĝo kaj la familio. Ili konsistigas la du lastajn librojn de la nova civila jurkodo, kiu estos baldaŭ publikigata kaj fiksos la civilajn rilatojn de la ĥina popolo. La plej interesaj punktoj de tiuj leĝoj estas la forigo de la konkubineco kaj la egaleco de la viro kaj virino.

Oni scias ja, kia baro estis la konkubineco al la konvertiĝo de multaj ĥinoj kaj kiomfoje ĝi kaŭzis apostatiĝojn inter katolikoj. Tiuj novaj leĝoj difinos same ĉion pri adopto.

La egaleco inter viro kaj virino, laŭ kiel ĝi povos efektiviĝi, ankaŭ faciligos konvertiĝojn. Ĝis nun ja estis preskaŭ tute neeble al virino, edzino de pagano, konvertiĝi al Katolikismo. La junulinoj katolikaj renkontis ankaŭ multajn malfacilaĵojn por praktiki sian religion, kiam oni edzigis ilin al nefideluloj. Oni pli facile permesis al katoliko edziĝi kun paganino.

La gravecon kaj maloportunaĵon de la familiaj rilatoj nun ekzistantaj en Ĥinujo, speciale koncerne la situacion de la katolikaj virinoj rilate al paganoj montros laŭviva ekzemplo. En iu vilaĝo ĉiuj viroj estas katolikaj kaj ĉiuj virinoj restis paganaj. La plene informitiloj klarigas tiun strangan okazaĵon pere de la neebleco, en kiu estus la virinoj, edziĝi se ili fariĝus katolikaj. Ĥina kutimo de tiu vilaĝo postulas ja, ke oni ne edziĝu inter personoj de la sama vilaĝo. Ĉar ĉiuj ĉirkaŭaj vilaĝoj estas paganaj, la junulinoj, se ili konvertiĝus, ne povus trovi katolikan edzon. Kaj la maljunuloj de la vilaĝo opiniis solvi la problemon kaj eviti konflikton kun la Eklezio, lasante ĉiujn virinojn en paganismo.

### La korpo de Pastro Verbiest forlasis Ĥinujon

La fondinto de la Kongregacio de la misiisto de Scheut, Teofilo Verbiest, naskiĝinta en Antverpeno (1823), forlasis Belgujon, en 1865, por iri Ĥinujon, kie kun kelkaj misiistoj li ekpredikis Kristanismon. En 1868, li mortis en Lao-Hu-Keu (Mongolio), kie li estis enterigita.

De post 63 jaroj Pastro Verbiest ripozis en la tero ilustrita de lia apostola zelo. Multfoje liaj disĉiploj revis transporti sian korpon al la ĉefa domo de la kongregacio, situata en Scheut, apud Bruselo (Belgujo). Tiu revo jus realiĝis. Komence de januaro la korpo estis eltombigita kaj transportita al Tientsin. La 31 januaro okazis funebra meso, kiun celebris la apostola vikario, Msro de Vienne, en la ĉeestanto de la diplomataro kaj eminentularo de la urbo. Post la absolvpreĝo la ostaro de la Pastro estis metita en nova ĉerko, tute skulptita kaj pentrita laŭ ĥina arto. Belga navigacia kompanio celis la honoron senpage transporti ĝis Antverpeno la restaĵojn de tiu, kiun ĝi rigardas kiel famobrilo por Belgujo. La ĉerko, enŝipigita la 2 februaro, foriris la tagon mem al Eŭropo.

*(Laŭ informoj de la Pres-Agentejo « Fides ».)*

## INFORMOJ EL LITOVUJO

### Persekutado de la katolikoj

En la lasta tempo estis arestitaj: Prezidanto de la katolika laboristara organizaĵo D-ro Ambrozajtis; gvidantino de katolika librejo en Vilkmerge F-ino Zavadskajte; redaktoro de plej granda litova katolika ĉiutaga revuo *Rytas* (Mateno) S-ro Radzevičius kaj administranto de ĉi tiu revuo S-ro Vaiajtis. La revuo *Rytas* por tio, ke ĝi ne plenumis presregulojn, kiuj nun en Litovujo estas tro akraj, estis punita per monpuno de 500 lidoj (= 50 usonaj dolaroj).

Pastro Krupavičius, eksministro, kiu estis kondamnita ne eliri el lia rezidejo en Garliava, jam nun estas libera de la puno. Ankaŭ la Prezidanto de la Katolika Junulara Universitata, S-ro Meškaŭskas, estas ellasita el la koncentriga malliberejo de Varniai.

La cenzuro estas tiel akra, ke multaj katolikaj gazetoj kaj revuoj ofte estas devigataj presi en unu numero dufojojn tiajn samajn artikolojn, ĉar ĉiuj revuoj kaj gazetoj ne devas lasi malplenajn la lokojn de artikoloj, kiujn la cenzuro malpermesis presi.

IG. JALIS.

## Grava konvertiĝo de protestantoj en Japanujo

La sensaciaj konvertiĝoj, kiuj okazas de tempo al tempo meze de Anglikanismo, en Anglujo kaj Ameriko, etendigas siajn feliĉajn efikojn ĝis Japanujo. Dum la lastaj monatoj en pluraj eparĥioj, oni povis enskribi konvertiĝojn de protestantoj al Katolikismo. En Fukuoka ekzemple, la festtagon de sankta Francisko-Xaverio, kuracisto kaj sia tuta familio forĵuris Protestantismon; li estis la sekretario mem de la anglikana episkopo de Fukuoka.

Ili estis instigitaj parte per la ekzemplo de alia protestanto, D-ro Ozawa, titolulo de la katedro de internacia juro en la imperiestra universitato de Fukuoka, kaj kiu estis iam sekretario de la japana delegitaro ĉe la Societo de Nacioj. S-ro Ozawa estis frue allogita de la dolĉa figuro de sankta Francisko el Asizio. Li legis la verkojn de Frederiko Ozanam, kaj, dum sia restado en Eŭropo, li pilgrimis al Asizio, precipe diletante, pri kio li nun sin akuzas modeste. Sed li pli kaj pli orientiĝis al la katolika Eklezio, al kiu li aliĝis en januaro 1929. De post sia konvertiĝo li fervore laboras al la konverto de siaj samlandanoj. Kun la permeso de la aŭtoro li tradukis la verkon de Joergensen: « Franciskanaj Pilgrimoj. » *(Pres-Agentejo « Fides ».)*

# Propagandu ĉien nian gazeton

## EL FRANCUJO

### Porpaca germano-franca kunveno en Parizo

Laŭ iniciato de la Nacia Stud-Komitato kaj dank' al la aktiva sperto de ĝia ĝenerala sekretario, S-ro Voize, interesa renkontiĝo inter germanaj katolikoj kaj francaj katolikoj okazis, lundon la 9-an de marto, en salono de la Kasacia Kortumo. Nombra kaj eminenta ĉeestantaro aŭdis esprimi la vidpunktojn de la katolikoj el la ambaŭ landoj pri la paco kaj speciale pri germano-francaj interrilatoj. S-ro Capitant, profesoro ĉe la Jura Fakultato de Parizo, prezidis. Apud li sidiĝis la germana ambasadoro en Parizo.

S-ro Joos, vic-prezidanto de la Centra Partio kaj deputito en la Reichstag, unue parolis pri la renkontiĝoj inter katolikoj el Francujo kaj Germanujo; ilin pravigas komuneco de kredo. Certe tiaj kunvenoj ne ebligis solvi ĉiujn demandojn, kiuj ankoraŭ disigas la konceptojn de la ambaŭ landoj. Tamen ili ebligis, ke la partoprenantoj, sen abdikante sian patriotismon, pli bone interkonatiĝis kaj sekve pli kaj pli estimis unu la alian. La germanaj katolikoj, malgraŭ la malfacilajoj ankoraŭ ekzistantaj, estas decidataj daŭrigi la verkon komencitan por starigo de firma paco inter la ambaŭ landoj. Ili volas labori al starigo de spirita kaj etika fundamento, kiu vere ebligos pacon kaj revivigos ankaŭ la ideon pri kristana civilizacio okcidenta. Li opinias, ke la savo de Eŭropo dependas de germano-franca reamikiĝo.

S-ino Weber, deputitino en la Reichstag, poste parolis pri la evoluo okazinta en la animo de la germanaj virinoj. Ili time rigardas orienten, kie bolŝevismo minacas la familion. Antaŭ tiu danĝero Eŭropo devas unuiĝi por paca laboro. La germanaj virinoj kunlaboros al tiu granda verko laŭ siaj fortoj.

Pastro Desbuquois, direktoro de la Popola Agado, siavice paroladis, por montri, ke nur Katolikismo povas esti la firma fundamento, sur kiu estas konstruebla la paco, kiu devas savi Eŭropon. Germanoj kaj Francoj, kiuj havas la saman kredon, devas kunlaboradi al repacigo inter siaj ambaŭ popoloj, laŭ la kristanaj principoj.

Paroladis ankaŭ S-ro Boissard, kiu memorigis la originon kaj historion de la renkontiĝoj inter francaj kaj germanaj katolikoj de post la tutmonda milito, kaj en kiu spirito ili okazis; S-ro Branbach, el Köln, kiu montris la edukadan verkon por repacigo entreprenitan de la Akademio de tiu urbo en la intelektaj rondoj; F-ino Dommanget, kiu rakontis la provojn de la katolikaj virinoj en Germanujo kontraŭ milito; Pastro Merklen, ĉefredaktoro de *La Croix*, kiu klarigis la motivojn, pro kiuj la katolikoj diverslandaj devas interrilatiĝi, ĉar paco povas nur deveni de la spirita pacigo, ĉar Kristanismo predikas la fratecon de la popoloj, ĉar unuiĝo estas necesa por alporti al ĉiuj kulturoj la bonfaron de Katolikismo.

Fine S-ro Marsal prezentis la konkludon de tiu tago. Li amas sian patrujon, sed li malamas la militon, kaj li estas preta ĉion fari por malebligi ĝian reokazon. Kiel kristano kaj negociisto li opinias, ke rilatoj inter popoloj estas bonfaraj kaj necesaj. Li gardas bonan memoron pri la interparoladoj jam okazintaj en Berlino kaj plezure rekomencos tiajn spertojn. Li alvokas, por ke la novaj generacioj estu pace edukataj.

### La kvindeka datreveno de la komenco de la Internaciaj Eŭkaristiaj kongreso festota en Lille, dum venonta julio

La movado de la Eŭkaristiaj Kongresoj, kiu baldaŭ disvastiĝis tra la tuta mondo, komencis en Lille, kie okazis, antaŭ 50 jaroj, la tutunua Eŭkaristia Kongreso.

Oni decidis festi tiun kvindekan datrevenon per solena Nacia Eŭkaristia Kongreso, kiu okazos en Lille, la 1-5 julio venonta. Lille, granda industria urbo, tamen gardis sian flandran propran karakteron, kies unu el la ĉefaj traktoj estas granda religieco. Oni povas do konjekti, ke tiu jubilea kongreso estos grava religia manifestado. Jam multaj episkopoj el la tuta mondo promesis sian ĉeeston. Kaj Lia Papa Moŝto sciigis sian intencon, sendi kardinalon kiel legato.

### Katolikaj kunvenoj

La sekcio de Marseille de la Nacia Katolika Federacio okazigis, dimanĉon 8 marto, sian sepan ĝeneralan kunsidon, sub la prezido de Msro Dubourg, episkopo de Marseille. Pli ol 18.000 viroj ĉeestis tiun manifestadon; al ili estis adresita alvoko por aktiva patropreno en la Katolika Agado.

Alia bela katolika kunveno okazis en Angers, la 1 marto, sub la prezido de Msro Rumeau, episkopo de Angers. Tie 30.000 viroj voĉdonis dezirespriman pri la instrua libereco.

G. O.

## EL GREKUJO

### La registaro dezirus subskribi kondordaton kun la Sankta-Seĝo

La semajna gazeto *Pax*, el Parizo, publikigis, en sia numero de la 12 marto, jenan informon, certe tre gravan, sed kies tendencon ne singarde rimarkos la plene informituloj.

La lasttempa alveno en Ateno de speciala delegito de la Sankta-Seĝo, Msro Margotti, elektita de la Papo kiel apostola delegito ĉe la helenaj katolikoj, jus naskis neatenditan problemon de internacia juro.

Akceptita de S-ro Michalakopoulos, Msro Margotti transdonis al li ja aŭtografan leteron de Lia Papa Moŝto, sciigante la grekan registaron pri la difino al li plaĉa de Msro Margotti por lin riprezenti ĉe la katolikoj de Grekujo, same leteron pri la sama demando de Kardinalo Pacelli, ŝtata sekretario de la Vatikano. Tiu lasta dokumento devis utili al la apostola delegito kiel akreditilo.

S-ro Michalakopoulos unue deklaris, ke li nenion decidis antaŭ ol respondi tuj al la letero de la Papo, kaj poste diris malkaŝe, ke al li ŝajnas malfacile, ke la greka registaro permesu la enofiĉigon de apostola delegito ĉe la enloĝantoj de katolika religio en Grekujo. Konsiderante ke la Sankta-Seĝo, kies situacio ĝis nun estis ne submetita je la reguloj de la internacia juro, konsistigas nuntempe, de post la kontraktoj de Laterano, internacian ŝtaton, ne povas esti en Grekujo ties riprezentanto, kiu ne estu diplomata, regule kaj oficiale akceptata.

La registaro de Ateno dezirus tiun ĉi aranĝon kaj estas preta traktadi ĝiajn punktojn kun la Vatikano. Ĝia konkludo malebligos ja ĉiujn konflikeblecojn kaj plifaciligos situacion nun komplikitan, kaj ebligos al la Sankta-Seĝo ekzerci sen aliaj limigoj ol tiuj, kies neceson li mem estus akceptinta, sian konfesian kaj moralan aktivecon inter la katolikaj komunumoj de Helado.

Sed tiel longe kiam daŭros la nuntempe necerta stato, ŝajnas malfacile konsenti ĉeeston en Ateno, aŭ en alia urbo de la respubliko, de sendito de la Vatikano, ne ĉe la helena ŝtato, sed ĉe la solaj katolikoj de Grekujo. Neeble estas permesi starigon de situacio, kies estontan evoluon neniu kapablas antaŭvidi.

La greka ministro por eksterlandaj aferoj konkludis, memorigante al Msro Margotti, ke krom la katolikaj episkopaj sidejoj starigitaj laŭ la protokolo de 1430 kaj laŭ la konvencio pri la translaso de ioniaj insuloj, katolika ĉefepiskopejo estis fondita en Ateno kun la neesprimita konsento de la greka registaro. Vere estas, ke ĝia nuna titolulo, Msro Philippoussis, estas helena dependanto, kio klarigas la toleremon de la greka potenco.

Sed la fakto, ke la Vatikano ofte sendis en Grekujon alinaciajn episkopojn, montras la urĝan neceson, en la intereso de la daŭrigo de bonegaj rilatoj inter la Sankta-Seĝo kaj la helena registaro, finaranĝi per konkordato situacion, kies plidaŭrigo riskus naski gravajn maloportunaĵojn.

La deklaroj de S-ro Michalakopoulos estis interpretitaj en la politikaj medioj kiel rekta invito al malfermo de traktadoj. Tiuj ĉi estos verŝajne ekkomencitaj de Msro Margotti, kiu jam sendis detalan raporton al Romo, kie la favoraj inklinoj de Grekujo estos certe multe ŝatataj.

## EL HINDUJO

### Malkondamno de S-ro I. C. Chakko, defendanto de la Papa primateco

La defendo de la rajtoj de la Sankta-Seĝo kaŭzis al S-ro Chakko proceson pri kalumnio. La Hindaj tribunaloj jus traktis laŭmerite la falsajn akusojn diritajn kontraŭ tiu kuraĝa katoliko.

Post unu jaro kaj ses monatoj de diskutado, la « afero Chakko » ĵus havigis sian finon. S-ro Chakko, ministro por la ŝtata industrio de Travankoro, kaj unu el la ĉefuloj de la katolikoj de la Malabar-rito, estis persekutita de S-ro K. N. Daniel antaŭ la tribunaloj pro lia verko pri la Papa Primateco. La kuraĝa katoliko estis malkondamnita.

En sia libro, S-ro Chakko, atakis S-ron Daniel; la reformita sekto de la kristanoj de St-Thomas, kies li estas oratoro, akre kritikis liajn verkojn. Siavice ĉiuj Hindaj ĵurnaloj eniris la disputon. Fine de la debatoj, S-roj Malloor Govinda Pillai kaj Josef Panjikaran pledis por S-ro Chakko. Ilia defendpledado daŭris kvar tagojn. Fine, la 6 januaro, la juĝisto sciigis sian verdikton: li tute malkondamnis la aŭtoron kaj eldoniston de la deklare puninda verko.

Tiu decido grave difektas la aŭtoritatecon de la kontraŭkatolika verkisto K. N. Daniel kaj kontribuos por intensigi ankoraŭ pligrande la movadon de reveno al Katolikismo de Malabaraj skismuloj.

(*Pres-agentejo « Fides »*).



## EL SVISLANDO

### Socialisto fariĝas Dominikano!

**En la preĝejo Sankta-Nikolao en Freiburg, antaŭnelonge okazis la pastro-konsekrado de la Dominikano Genaz. Frato Genaz estas konvertito kaj estis pli frue entuziasma socialisto. Antaŭ dek jaroj li estis unu el la plej konataj gvidantoj de la socialismo en Svislando. Dum la jaro 1920, antaŭ lia eniro en la katolika Eklezio, li estis prezidanto de la unuiĝo de socialista junulаro, kaj unu el la ĉefbatalantoj por la bolŝevismo. Dum sia unua sankta meso, li transdonis ankaŭ la sanktan komunion al la ĉefredaktoro de la *Courrier de Genève*, kunkonvertito kaj antaŭa socialista propagandisto en la svisa junularo.**

### La diversaj konfesioj en Svislando

La popolnombrado de la 1 decembro 1930 montris jenajn rezultatojn :

| | 1920 | 1930 | Kresko aŭ malkresko |
|---|---|---|---|
| Protestantoj . | 2.230.597 | 2.320.767 | + 90.107 |
| Katolikoj . . . | 1.585.311 | 1.670.551 | + 85.240 |
| Izraelidoj . . . | 20.979 | 18.478 | — 2.501 |
| Aliaj aŭ Senkonfesiuloj . | 43.433 | 72.718 | + 29.285 |
| | 3.880.320 | 4.082.511 | |

DEDELAKRE.

*Kun la permeso de la ekleziaj aŭtoritatoj.*


Respondeca Redaktoro (*Gérant*) : Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e. - Gob. 62-71



KATOLIKA VIVO

DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Telefono : Parie-Elysées 85-84
Telegrama adreso : Ramboux, Croibayar-Paris-86

ADMINISTRACIO
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ :

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16.— | 8 50 |
| Por landoj kun rabata poŝttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*.
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas :

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero ; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj : Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto :

*Por Anglujo* : S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo* : S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.

*Por Belgujo* : S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo* : S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.

*Par Germanujo* : S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.

*Por Hispanujo* : Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando* : S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando* : S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30ª, en Eindhoven. Poŝtkonto nº 77.739.

*Por Polujo* : S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando* : S-ro K. Jos. Haas, Adligenswilerstr. 4, Luzern. Poŝtkonto : VII 3.883.






